

BRAZILA ESPERANTISTO OFICIALA ORGANO DE BRAZILA ESPERANTO-LIGO

109-a jaro
N-ro 357
Dezembro 2016

# La libroj - ĉu kvazaŭ mortantaj pro maljuneco?


ISSN 0006-9477



## Kiel kontribuas Esperanto-Sumoo al la movado?

Esperanto: kial ne?

La Nacia Palaco de Queluz

Granda Vortaro de Porto C. Neto

Salgado Maranhão

esperanto.org.br

**Brazila Esperantisto**

Nacia kaj Internacia Kulturo

109-a Jaro • N-ro 357 • Dezembro 2016

# Enhavo






Kovrilo: Evandro Avellar

"Ni sentis, ke komenciĝas la falado de la muroj inter la popoloj, ni sentis la spiriton de ĉiuhoma frateco. Ni konsciis tre bone, ke, ĝis la fina malapero de la muroj, estas ankoraŭ tre kaj tre malproksime; sed ni sentis, ke ni estas atestantoj de la unua forta ekbato kontraŭ tiuj muroj; ni sentis, ke antaŭ niaj okuloj flugas ia fantomo de pli bona estonteco, fantomo ankoraŭ tre nebula, kiu tamen de nun ĉiam pli kaj pli korpiĝados kaj potenciĝados."

**Dua Kongreso 1906 en Ĝenevo - Zamenhof**

**Revukunlaboraĵoj:** La ĉefredaktisto rigardas gravaj la kunlaboraĵojn senditajn de legantoj. Tamen, pro hommanko, spaclimigoj en la revuo, kaj kromaj limigoj, li rezervas al si la rajton: **1-e**: ne sciigi la ricevon; **2-e**: ne redoni la sendaĵojn; **3-e**: ne garantii la publikigon; **4-e**: mallongigi tekstojn tiam, kiam necese; **5-e**: ilin reviziigi laŭ ortografio, gramatiko kaj fakvortoj. **a)** Kiel gramatikan konsultfonton ni rekomendas la verkon Plena Manlibro de Esperanta Gramatiko, de Bertilo Wennergren. **b)** La signifon de ĉiuj vortoj netroveblaj en Plena Ilustrita Vortaro de Esperanto (2005) oni aparte klarigu per piednotoj aŭ glosaro. **c)** Ni uzos esperantigitajn ŝtato-nomojn kaj urbo-nomojn trovitajn en http://vortaro.esperanto.org.br. **d)** Ĉiam kiam eblas ni uzos simplajn vortojn kompreneblajn kaj konstruatajn surbaze de la krea kapablo de Esperanto anstataŭ la novaj radikoj (neologismoj) laŭ http://bonalingvo.net/ **e)** Ni uzos la sistemon -UJO por landnomoj laŭ la fundamentaj reguloj de la lingvo (kiujn oni eltiras el la libreto La Fundamento de Esperanto).

Estimataj legantoj:

Fermante la jaron ni prezentas al vi unu plian numeron de Brazila Esperantisto, nia lasta numero de 2016. Ni deziras, ke ĝi estu kultura kaj informa organo por la brazila esperantistaro. Tial ni kunmiksis iom da kulturo, lingvesploro, literaturo kaj movado. Esperinde la miksaĵo plaĉos al vi.

La nunan numeron malfermas ĉefartikolo pri la libroj. Kiu estos la estonteco de nia amiko papera libro? Ĉu vi konas la ludon Esperanto-Sumoo? Oni serĉas personan disciplinon en legado kaj kleriĝo, sed la proponata defio estas de ĉiu partoprenanto al si mem. Bela, paca, novsenta lukto, por la spirita maturiĝo de homoj sur nia mondo ene de la Esperanta kulturo.

Sekvas artikolo pri katolikoj en Brazila Esperanto-Movado, brazilaj katolikoj interesiĝis pri Esperanto ekde la fruaj jaroj de nia movado. Ĉu vi scias ke en 1907, ekzemple, fondiĝis la societo "Espero Katolika", en la urbo San-Paŭlo?

Poste denove venas listo de kursoj de Esperanto kiuj estas enskribitaj en edukado.net, kaj ni instigas vin enskribi viajn kursojn tie por kontroli kie ili okazas en Brazilo.

Nun iru al la sekcio Konsciigo kaj pripensu: Ĉu Esperanto estus lingvo *artefarita* aŭ *natura*, *kun* aŭ *sin* kulturo? Nu, lingvo kaj kulturo estas neapartigeblaj en homa spirito, ĉu? Ajnaj lingvo kaj dialekto esprimas unu aŭ plurajn kulturojn, sed ĉu naciaj, plurnaciaj aŭ transnaciaj, tio estas alia diskuto. Ni invitas vin pripensu kun ni.

Sekvas artikolo pri ĵus aperinta bonega eldono de Brazila Esperanto-Ligo (BEL) "Grande Dicionário Português-Esperanto", verkita de Luis da Costa Ferreira Porto Carreiro Neto. Tiu verko konsistas ne nur el difinoj de 35.558 vortoj kaj ties tradukoj, sed ankaŭ el gramatikaj klarigoj, kaj ĝi estis farita de Porto Carreiro jam antaŭ pli-malpli 60 jaroj.

Tuj sekve vi povos legi artikolon, en sekcio Beletro, La Akva Guto de Dirce Sales.

Ni inaŭguras novan sekcion "Strategia Plano", kie vi legos pri evoluo de niaj laborplanoj, nova fazo de nia agado. Kaj ni demandas: Kian strategion ni bezonas?

Post ni invitas vin vojaĝi per artikolo de Herbert A. Welker kaj viziti La Nacian Palacon de Queluz en Portugalujo.

Fernando Pita prezentas al ni faman brazilan poeton kaj simpatianton al Esperanto: Salgado Maranhão. Vi legos sep poemojn de Maranhão. tradukitajn en nian lingvon.

Per bela artikolo de Paulo S. Viana ni demandas al vi por elpensi: ĉu ekzistas penso sen lingvo? ĉu la lingvo mem estas ia "modulilo" de nia kapablo agi racie aŭ emocie?

Por fini tiun ĉi enkondukon, ni bezonas emfazi, ke nia revuo bezonas artikolojn pri plej diversaj temoj: vivscienco, lingvo, sociesploroj, historio, ktp. Precipe mankas al nia movado studi serioze pri nia estonteco. Do ne hezitu sendi al ni viajn kontribuaĵojn, proponojn kaj komentojn, sed zorgu ke ĝi estu konforma al la etikaj principoj de esperantismo. Vi povas sendi ilin al nia retadreso:

**redakcio@esperanto.org.br**

Bonan legadon al ĉiuj!





**Brazila Esperantisto**

ISSN 0006-9477
Oficiala Organo de Brazila Esperanto-Ligo
Fondita en 1907 de Alberto A. Vieira, Reynaldo Geyer kaj Everardo Backheuser
109-a jaro, N-ro 357, Dezembro 2016

**Eldona Stabo**
**Ĉefredaktisto:** Evandro Avellar
redakcio@esperanto.org.br

**Ĉi-numeraj kunlaborantoj**: Aymoré Vaz, Beneticto Silva, Dirce Sales, Euripedes Barboza, Fabiano Henrique, Fernando Pita, Herbert A. Welker, Paulo Sérgio Viana kaj Paulo Nascentes

**Grafika aranĝo kaj enpaĝigo:** Evandro Avellar
**Revizio kaj tradukado:** BEL-asesorskipo

Kontribuaĵojn kaj mesaĝojn sendu al la ĉefredaktisto: redakcio@esperanto.org.br

**Pri la subskribitaj artikoloj respondecas la aŭtoroj mem**

Brazila Esperanto-Ligo (Fondita en 1907)
**Sidejo:** SDS–Bloco P36–Salas 301/303–Ed. Venâncio III CEP 70393-902 Brasília,DF
**Telefono:** (0xx61) 3226-1298
**Retadreso:** bel@esperanto.org.br **Hejmpaĝo:** www.esperanto.org.br

**Estraro**
**Prezidanto:** Evandro Avellar
**Vicprezidanto**: Euripedes Barbosa
**Financdirektisto:** Fernando Maia Jr. **Kasisto:** Cleto Galvão da Silva
**1-a Sekretario:** Emílio Cid
**2-a Sekretario:** Josia Barboza
**3-a Sekretario:** Darci Sardinha

**Kontrola Konsilantaro**
Paulo Nascentes, Rogério Carneiro, Sérgio Neri

**Federacia Konsilantaro**
**Prezidanto:** Joacir Camboim
**Komitatano-A:** Rafael Zerbetto
**Ĉefdelegito de UEA**: Emilio Vaz Cid



# La libroj - ĉu kvazaŭ mortantaj pro maljuneco?

Evandro Avellar

Ne malofte oni aŭdas provokojn pri ebla malapero de libroj. La punkto estas ke ĉiuj artoj reinventis sin siamaniere por postvivi tra la novaj tempoj. La Literaturo estas malnova kiel la lingvo mem, do estas tro da pretendo de kulturaj teruristoj pensi ke la literaturo evoluis el parola kulturo ĝis *kindle*[1] por simple malaperi.

Eĉ pri la bona malnova paperformato ŝajnas ke la morto ne alproksimiĝas kiel oni propagandas. Kun novaj teknologioj aperas novaj ebloj por nutri la dezirojn por legado, librejoj sekvas kun malfermitaj pordoj kaj ne malofte la leganto akiras la paperan libron post legi ĝian ciferan formaton kaj aŭtoroj serĉas eldonistojn por eldoni librojn kiuj estas jam enreta sukceso.

Konsiderante la konkuradon, kiu estas hodiaŭ, oni povas diri ke la libro ja iras tre bone. En cifera erao kun realismaj ludoj pli kaj pli proksimaj de la reala vivo kaj praktike senrestrikta aliro al diversaj enhavoj, presita literaturo ankoraŭ vivas. La signoj de laciĝo de la presita literaturo estas pli pro la financa krizo - la aĉetpovo malpliiĝis - ol efike cedo de la paperaj libroj.

La literaturo mem ne havas daton por finiĝi kaj iras pli bone ol antaŭe. Neniam antaŭe oni tiom malfermis la pordojn al aŭtoroj de trinkejaj tabloj, de publikaj banĉambraj pordoj aŭ de buŝtukoj por ekspozii iliajn kreaĵojn. Tre abundas retaj platformoj kiuj permesas absolute iu ajn publikigi vian propran libron.

Ekzistas aŭtoroj en tiuj platformoj, kiuj atingas kelkajn legantojn ke ege superas sukcesajn paperajn publikaĵojn. Kiel oni povas, en tiu scenaro, pensi ke la libroj estas mortantaj?

La libro estas juniĝanta, ĝi renoviĝas, reinventiĝas kiel devus okazi kun iu ajn arto kiu postvivas dum jarmiloj. Reinvento estas pozitiva kaj necesa, kaj tio ne signifas ke la bona malnova papera libro mortantas. Eble post 30 jaroj mi ŝanĝos mian opinion, sed hodiaŭ mi vidas prosperan estontecon por miaj bonaj amikoj, speciale pro mia kunvivado kun junaj homoj kiuj ne eliras de siaj hejmoj sen enmeti librojn en liaj tornistrojn.

Longan vivon al literaturo. Kiel ĉiam, la pesimistoj forpasos kaj la libroj restos! ■

---

## Internacia Esperanto-Sumoo

Internacia Esperanto-Sumoo estas speco de legado-konkurso de Esperantaj libroj. Sumoo estas japana tradicia luktoarto, kiu okazas 6 fojojn en neparaj monatoj ĉiun jaron. Ĝi estas tre populara inter japanoj kaj dum la konkurso oni televidas ĝin 3 horojn ĉiun tagon.

La Internacia Esperanto-Sumoo estis iniciatita de s-ro HORI Jasuo (Japanujo) en septembro 2009. Komence li prove okazigis ĝin nur por japanoj, sed konstatinte, ke ĝi estas tre utila por ĉiuj

1 - Amazon Kindle estas programara kaj aparatara platformo evoluigita de Amazon.com por la interpreto kaj montrado de e-libroj kaj aliaj ciferecaj amaskomunikiloj.

esperantistoj, li okazigis ĝin internacie en marto 2010. Poste 6 fojojn ĉiujn jaron krom en marto 2011 pro la Japana Katastrofo, ĝi okazas en la sama periodo kiel la vera Sumoo. Ĝis nun la plej granda nombro de partoprenantoj estis 318 en novembro 2016 el 25 landoj.

## Regularo de Esperanto-Sumoo

### Celoj:
1) Altigi legkapablon de esperantistoj.
2) Kutimigi esperantistojn legi libron kun ĝojo.

### Luktmaniero:
1) Elektu libron, kiun vi legos dum tiu konkurso.
2) Decidu kiom da paĝoj vi legos por unu tago laŭ via kapablo.
3) Laŭ la irado de vera Sumoo-konkurso, ni luktadas. Se vi legas pli ol promesitaj paĝoj ĝis la noktomezo de tiu tago, vi akiros "o" venkon, se ne, "x" malvenkon. Tiamaniere vi luktas kun la libro dum 15 tagoj. Vi ne luktas kontraŭ aliaj luktistoj, sed kontraŭ vi mem.
4) Venko estos markita per litero "o", malvenko per litero "x" kaj nepartopreno per signo "-".

### Aliĝo:
Sendu jenajn informojn al HORI Jasuo: hori-zonto@water.sannet.ne.jp
1) Viaj nomoj (per grandaj literoj familia nomo), sekso, lando, urbo, retadreso
2) Via luktista nomo
3) Titolo kaj aŭtoro de la libro, kiun vi legos, kaj kiom da paĝoj tage vi legos

### Ekzemplo:
Nomo: HORI Jasuo, viro, urbo Maebasi, Japanujo: hori-zonto@water.sannet.ne.jp
Luktista nomo: Horizonto
Libro: "Gerda malaperis", 2 paĝoj
Raportado pri rezulto: Kiam komenciĝos la Esperanto-Sumoo, ĉiun duan tagon (ne nepre) raportu al la prizorgantoj pri via venko aŭ malvenko. Tiuj notos ĝin kaj resendos al vi la raportaron kun rezultoj de aliaj luktistoj.

## Legu librojn kaj ŝanĝu la mondon!

Vi decidu kiun libron kaj kiom da paĝoj vi legu ĉiun tagon dum la konkurso. Se vi sukcesos legi tiun kvanton, vi venkos, se ne, tio signifas vian malfortaĵon. Tiamaniere vi povos vere scii la ĝojon de Esperanto-legado, sekve vi progresos multe en Esperanto, kaj se multaj partoprenos en sumoo, tio ŝanĝos la movadon, kaj sekve la mondon.

Ni partoprenu kaj luktu ĝoje!!!

Okaze de tiuj konkursoj, mi proponas al vi partoprenon en lukto, kie homoj ne luktas kontraŭ aliaj homoj, sed kie homo luktas kontraŭ siaj malfortaĵoj en Esperanto-Sumoo.

http://www.esperanto-sumoo.strefa.pl/
https://eo.wikipedia.org/wiki/Internacia_Esperanto-Sumoo

# KATOLIKOJ EN BRAZILA ESPERANTO-MOVADO

Eurípedes Alves Barbosa



Brazilaj katolikoj interesiĝis pri Esperanto ekde la fruaj jaroj de nia movado. En 1907, ekzemple, fondiĝis la societo "Espero Katolika", en la urbo San-Paŭlo. Vere, la jaro 1907 estas gravega por la historio de Brazila Esperanto-Movado, kiam okazis la 1-a Brazila Kongreso de Esperanto, en Rio-de-Ĵaneiro, en kies kadro oni fondis Brazilan Esperanto-Ligon. En la solena malfermo de tiu kongreso partoprenis S-ro Abato Benedito Marinho, tre fervora esperantisto, kiel reprezentanto de la Kardinalo Arcoverde.

Sinjoro Plínio Fernandes Silva, reprezentante la grupon Espero Katolika, partoprenis en la 2-a Brazila Kongreso de Esperanto, okazinta en San-Paŭlo-SP, de la 16-a ĝis la 19-a de januaro 1909. En la solena malfermo, Plínio salutis la kongresanojn.

Aliaj katolikaj Esperanto-asocioj fondiĝis en Brazilo. Eble, la plej grava estis Brazila Esperantista Katolika Organizo (BEKO), starigita en 1981, okaze de la 66-a Universala Kongreso de Esperanto, en Braziljo, ĉefurbo de nia lando. Bedaŭrinde, BEKO ne plu aktivas.

En la kadro de la 3-a BKE, Petropolo-RJ, 1910, unuafoje okazis prediko en Esperanto, farita de pastro Benedicto Marinho, fama religia oratoro. Poste, eminentaj sacerdotoj celebris mesojn en pluraj kongresoj kaj renkontiĝoj. Lastfoje tio efektiviĝis en la 43-a BKE, Fortalezo, 2008, ĉe Katolika Preĝejo Nossa Senhora dos Remédios, kun la germana pastro Peter Knauer S.J.

Memorinda estis la impona evento okazinta en 1955, en la urbo Rio-de-Ĵaneiro, kadre la 36-a Internacia Eŭkaristia Kongreso.Temas pri la Tria Esperantista Eŭkaristia Mondkunveno, organizita de la ĉina pastro Johano B. Kao, tre agema esperantisto, kiu vizitis nian landon kelkfoje.

Kleraj sacerdotoj aktivis en Brazila Esperanto-Movado. Ili movadumis fervore por nia kara idealo. Oni povas citi José Nogueira Machado, Pedro H. Urbaitis, Benedito Marinho, José André Coimbra, José Vigh, Roque André dos Santos, Mariano Plana, Francisco de Barros Leal, Bertino Goerner, Isaias Lagares kaj aliaj.

Eminentaj brazilaj esperantistoj estis katolikoj: Alberto Couto Fernandes, prezidanto de Brazila Esperanto-Ligo (BEL) dum 36 jaroj; Everardo Backauser, unua prezidanto de BEL, tre klera homo; João Batista de Mello e Souza, verkisto, poeto kaj profesoro; Mário Augusto Teixeira de Freitas, juristo, verkisto; Mário Ritter Nunes, statistiko, verkisto, pensulo; Luiz Azeredo Coutinho, kuracisto; Euclides da Silva Carneiro, universitata professoro; Ivo Sanguinetti, arkitekto kaj verkisto; kaj aliaj.

En letero de la 9-a de oktobro 1976, Wilson Veado, esperantisto el Minas-Ĵerajso, skribis al Nelson Pereira de Souza la jenajn vortojn: "Jam fluis la tempo kiam la katolikoj kaj protestantoj tiom laboradis por Esperanto. La Ligo mem estis speco de sidejo de katolika por Esperanta laboro."

Wilson Veado pravis. Sendube, katolikoj havis specialan lokon en nia movado. Kiel dirite, la katoliko Alberto Couto Fernandes prezidis nian nacian asocion dum longa tempo, kaj disvatigis la lingvon ĉe katolika medio, varbante aliajn samreligiulojn.

Bedaŭrinde, la agado de katolikoj en nia movado preskaŭ ĉesis. Nur kelkaj katolikoj efektive laboras por Esperanto en Brazilo, interalie nia kara samideano Wandemberg Ribeiro Morais, kiu senlace batalas por nia idealo en la ŝtato Searao.




BEL@butiko: https://goo.gl/bGthLe

# Kursoj de Esperanto

## Kursoj enskribitaj ĉe http://edukado.net/kursejo



| Nomo | Kursgvidanto | Urbo |
|---|---|---|
| Baza kurso de Esperanto | Cesar Dorneles Soares | Porto-Alegro - RS |
| Brazila Spiritisma Federacio | Maria das Dores Góes | Braziljo - DF |
| C. Educacional E. Barsanulfo | Victor Resende | Uberlando-MG |
| Esperanto por komencintoj | Aida Maria Mendes | Uberlando-MG |
| Esperanto-Grupo L.L.Zamenhof | Paulo Carvalho kaj aliaj | Rio-de-Ĵanejro - RJ |
| Grupo de Esperanto da FEEB | Cícero Gabriel C. Soares | Salvadoro - BA |
| Intensiva Kurso de Esperanto EAB | Josias Ferreira Barboza | Brasília - D.F. |
| Kolombo de la Paco Esp-Grupo | Henrique Daniel | Rio-de-Ĵanejro - RJ |
| Kultura Kooper. de Esperantistoj | Raymundo Souza | Rio-de-Ĵanejro - RJ |
| Kurso de Esperanto | Fábio Santos | Alto-Paraizo-de-Gojaso - GO |
| Universidade Federal Fluminense | Helder Viera Lopes | Rio-de-Ĵanejro - RJ |

Aliaj informoj pri la kursoj vidi http://edukado.net/kursejo (Se vi deziras ke via kurso aperu en venonta Brazila Esperantisto bonvolu aldoni ĝin en retpaĝo edukado.net)

Se vi deziras lerni Esperanton per Interreto ni sugestas jenajn retpaĝojn:

1 - http://lernu.net
2 - http://kurso.com.br
3 - http://learn.esperanto.com/pt/

# KIAL NE?



Paulo Nascentes[1]

Ĉiam mi min demandas, ĉu klariga babilrondo ne devas antaŭveni la oferton de Esperanto-kurso. Hodiaŭ mi ŝatas demandi... *Esperanto: kial ne?* Ĉu havas sencon provi konvinki ajnan homon lerni Esperanton? *Esperanto: kial ne?* Fakte, tiun demandon respondu ne esperantistoj: ili trovu solidajn argumentojn por min deadmoni de Esperanto? Trovi bonajn argumentojn do estu alies problemo, ne mia! Kiom efikus tiu rolinversigo rilate la disvastigon de Esperanto kaj respektiva transnacia kulturo produktata per ĝi? Nur persona sperto montros tion! Tiu strategio tamen tuj min liberigas el la defendo de opinio ĝenerale taksata kiel frenezaĵo – pilko en areo preta esti ŝotata, golulo jam venkita... Tiel la ŝarĝo konvinki ne plu estas mia. Nu, esperantista...! Cetere, la sufiksoj *ist* kaj *ism*, kvazaŭ nedezirata ŝuŝtoneto, nur malhelpas en la horo goli. Do, ni atentu! *Partianoj, adeptoj, anoj* de preta pensosistemo, ideologio aŭ kredo emas altiri oponulojn motivatajn aŭ ne, kontruaŭulojn verajn aŭ okazajn. Tio pro la ĉarmo mem esti opoziciulo. Sed, ne nur.

Foririnte mi el la defendo de vidpunkto, el la paflinio, mi povas konduki la ludon laŭ la argumentoj de la interparolanto mem. Estu nia interparolanto kiu ja devos zorge ne ŝajni nekonvena vendisto, kiu eĉ ne perceptas la troigon rilate al supozeblaj virtoj de la *vendota produkto*. Malaltiĝas tiamaniere ĉe mi la tento proponi solvon por problemo... neniel vidata kiel problemo. Malgraŭ iu progreso rilate la skriban lingvon, estas freneze supozi ke teknologioj pri traduko anstataŭos vivan babiladon per vivanta lingvo alirebla, relative facillernebla, kapabla estigi komunikon de koro al koro, pro sento de reciprokeco, egaleco, respekto. Ja malfacile estas sukcesi pruvi la malon, ke malsimetria komunikado, privilegio de malmultaj, estu plibone por ĉiuj.

Tradukprogramoj por saĝtelefonoj[2], komputiloj, k.s. emas nin impresi, jen aliro al porteblaj vortaroj, listo de ŝablonaj frazoj, eĉ de idiomaj esprimoj nun disponeblas. Sed, spite al tiaj progresoj en voĉa sintetizado, tiuj mirindaj maŝinoj ne sukcesos anstataŭi veran parolanton, kiu kapablas percepti subtilaĵojn semantikajn (rilate la lingvosistemon), pragmatikajn (rilate la uzanton laŭ diversaj kuntekstoj), suprasegmentajn (ekzemple, voĉtono, intonacio, fraza ritmo), apartaĵoj de la parola lingvo, kiuj envolvas sensaciojn, emociojn, sentojn, variablojn eskapantajn al la binara logiko de maŝinoj. Spite al la mirindaj atingoj de informadiko, la unuoj fonetikaj, morfosintaksaj, semantikaj daŭre defias lingvoesploristojn. Por la lingvouzanto, ĉio restas psiĥa sekreto. La spontanea lernokapablo de infano facile venkas kibernetikan konkuranton. Esploristoj pri parolado surpriziĝas pri la komplekseco de la operacioj faritaj de tiu nesupe-rebla lingvisto, nome, la infano dum la parolakira fazo, kiu potenciigas kunnaskitajn lertecojn dum kontakto kun gepatroj, gefratoj, najbaroj. Spegulneŭronoj ebligas la perfektan reproduktadon de verbaj sekvoj pli kaj pli kompleksaj – sed, estas la novspeca lingva produktaĵo tio, kiu nin logas dum infana parolado.

Esperanto, siavice, superas dikotomiojn ankoraŭ vivantajn en la kolektiva fantazio, eĉ senapoge de lingvosciencoj. Ĉu ĝi estus lingvo *artefarita* aŭ *natura*, *kun* aŭ *sin* kulturo? Nu, lingvo kaj kulturo estas neapartigeblaj en homa spirito, ĉu? Ajnaj lingvo kaj dialekto esprimas unu aŭ plurajn kulturojn, sed ĉu naciaj, plurnaciaj aŭ transnaciaj, tio estas alia diskuto. Ekspoziciita al frazaj sekvoj de ajna lingvo, infano dum la akira periodo aŭdas kaj procezas

1 - Esperanto-instruisto (UnB/LET/UnB Idiomas) kaj BEL-estrarano

2 - https://eo.wikipedia.org/wiki/Saĝtelefono

sonojn, komparas ilin al tiuj jam aŭditaj, analizas kuntekstojn nature, nekonscie, sed efike, ĉu temas pri lingvo tielnomata *natura* aŭ *artefarita*. Dum konversacia ludo, taŭgajn sencojn kunkonstruas la parolantoj mem.

Rondbabile, aperas ĉio, kuriozaj reagoj, eksplicitaj kontraŭdiroj, vualaj diboĉoj. Nuntempe, tamen, per la estigo de tiu demando (*Eo kial ne?*), ĉio ŝanĝiĝas. Malgraŭ esti same durkapa kiel la aliaj homoj, mi atente aŭdas argumentojn supozeble pruvantajn esti Esperanto *artefarita, senkultura, neutila lingvo*. Tiam mi petas klarigojn, kaj novajn klarigojn, kvazaŭ socia sciencisto antaŭ la informantoj kaj mense mi notas la diritajn stultaĵojn. Abundas mitoj kaj fantazioj. Fanatikismon mi konstatas flanke de mia interparolanto. Ni konsentu, kiel iu sukcesos min konvinki pri tio, ke pensi anglo-sakse la mondon devu esti altrudata al la ceteraj popoloj, ĉu per bomboforto, persvade aŭ mone? Nu, kion pri mia kor-alligo al delonge lulitaj ideoj? Kiam mi alligiĝas al minoritataj ideoj aŭ al tiuj malkonataj de la plejmulto, falas mi facile en la ŝajnaĵon defendi ion tre supera. Do, mi estus superulo. Malfacilas eskapi tion. La renversa penso, kiu prikonsideras kontraŭajn hipotezojn antaŭ ol ilin rapide forĵeti, estas multe malpli ofta ol revenanta, ripeta, kristaligita penso. Mallaligo de la propraj konvinkoj antaŭ evidententaĵoj de trompiĝo verŝajne ne estas nia preferata sporto. Male, persisti en la tielnomata *komforta areo* ja estus la regulo. Venkantan teamon oni ne ŝanĝu, oni diras. Sed, ne ĉiam ni havas klaran nocion pri la rezult-afiŝo dum tiaj frenezaj disputoj. Forlasante la sintenon de misiisto preta konverti aliulojn al miaj *brilaj* ideoj pri, ekzemple, kiu devus esti la uzota lingvo dum internaciaj renkontoj – ĉu tiu de aparta kulturo aŭ alia supozeble neŭtrala – disputoj aliiĝas. Tiam abundas tempo por mia distriĝo, ĉar estos la alia, kiu bezonos min venki – ulo ege obstina, kiu mi estas... Jen mia ĵusa sinteno rilate al Esperanto kaj ĝia efika disvastigado. Konvinkemulo, tio certe ne plu estas mia rolo!

Datrevenaj festoj, jen aparta ĉapitro. Dum babilo pri bagatelaĵoj – *Ho, kion vi faras nun?* – pro ajna motivo, mi eklaŭdadis la ekscelencon de Esperanto. Troe parolegadis mi pri belsonaj frazaj strukturoj, verba sistemo simpla, sed efika, gramatika kaj fonetika reguleco. La vortofarado per inĝenia sistemo de afiksoj kaj iu *praga manifesto* supozeble tiam furoradis. Ĉar ĉiam aperis iu ne memoranta pri kiu diable estus afikso, mi do malavare ofertadis lingvajn saĝaĵojn. Entuziasmite, apenaŭ mi vidis indulgajn rigardojn, flankajn ridetojn. Allogadis interparolantojn per impona *propedeŭtika efiko de Esperanto* kaj esploroj en la Fakultato pri Kibernetika Pedagogio de Universitato de Paderborn. Bonŝance, oni neniam mim demandis pri kio estus tiu kibernetika pedagogio! Por konsolo de la aŭdantaro, mi preterlasis persekutojn kontraŭ esperantistoj dum totalismaj reĝimoj, metafizikajn pretekstojn pri la *lingvo veninta el ĉielo*, religia doktrinigo, citado de famaj adeptoj de la *lingvo de frateco*, per kiu esperantistoj ofte pikadis unu la alian. Kaj tiam mi forgesadis demandi pri preferoj, konvinkoj, pri tio kio kortuŝis tiun specifan personon antaŭ mi! Miavice, mi devis aŭdi mirindaĵojn pri la uzo de la angla dum vojaĝoj, certe veninta de malkonanto pri la realan situacion de tiu lingvo kiel supozebla interlingvo en orientaj landoj. Jen nia propono: *Esperanto: kial ne?* Nu, fine ĉi babilo daŭru!



# Granda Vortaro de Porto Carreiro Neto



Euripedes Barbosa

Ĵus aperis en bonega eldono de Brazila Esperanto-Ligo (BEL) "Grande Dicionário Português-Esperanto", verkita de Luis da Costa Ferreira Porto Carreiro Neto. Tiu verko konsistas ne nur el difinoj de 35.558 vortoj kaj ties tradukoj, sed ankaŭ el gramatikaj klarigoj, kaj ĝi estis farita de Porto Carreiro jam antaŭ plimalpli 60 jaroj.

Jam de longe, la originaloj de tiu vortaro restis inter paperoj kaj malnovaj dokumentoj ĉe la sidejo de Brazila Esperanto-Ligo, unue en Rio-de-Ĵaneiro, poste en Braziljo. Nia samideano Aymoré Vaz Pinto interesiĝis pri ĝia aperigo antaŭ la brazila esperantistaro. Do li tajpis la tutan verkon per komputilo. Lacega tasko.

Tiu verko estis menciita en la enkonduko de la "Dicionário Português/Esperanto, FEB, 1987, kaj en artikolo de Ismael Gomes Braga, aperinta en la revuo Reformador, decembro 1951. En la artikolo, Ismael informas, ke Porto Carreiro preparas vortaron Português/Esperanto, eldonotan kiel la dua apero de la vortaro publikigita en 1936, versio pligrandigita kaj plibonigita.

En la verko "Grandaj Spiritistoj en Brazilo", FEB, 2002, Zeus Wantuil tuŝas la aferon, jene: "En la lastaj jaroj, nia kara kunfrato lacekonsumite laboradis en la organizado de nova kaj granda vortaro (...) Tiu giganta verko, kiun li lasis finitan, troviĝas sub la respondeco de Brazila Esperanto-Ligo."

Antaŭ multe da jaroj, Brazila Spiritisma Federacio(BSF) intencis publikigi tiun verkon, sed BSF kaj BEL ne interkonsentis pri tio afero. Pro tio la estraro de BSF komisiis la eminentan Allan Kardec Afonso Costa, el Belo-Horizonto, por verki du vortarojn, nome "Novo Dicionário Português-Esperanto" kaj "Dicionário Completo Esperanto/Português."

Por bone mezuri la vortaron de Porto Carreiro Neto, ni aŭskultu la parolon de Sylla Chaves :

"Tial nepras ripeti ĉi tie, ke tiu vortaro ankoraŭ estas la plej bona portugala Esperanta vortaro en la tuta mondo. Se por eldoni ĝin nepras vendi unu el la nun luataj oficejoj de BEL, mi proponas, ke oni faru tion, omaĝe al Porto Carreiro Neto kaj al Zamenhof kaj por la bono de la portugallingva esperantistaro." (Brazila Esperanta Parnaso)

Sylla Chaves mem provis eldoni la vortaron, sed li ne sukcesis. La tasko montriĝis peza kaj multekosta.

Porto Carreiro Neto, fama stilisto kaj esperantologo, estis la plej klera brazila esperantisto kaj unu el la plej eminentaj membroj de la Akademio de Esperanto, laŭ opinio de Ismael Gomes Braga. Li plurfoje legis kaj eĉ prinotis la tutan verkaron de Zamenhof.

En la libro "Brazila Esperanta Parnaso", Sylla Chaves atestas pri la kompetenteco de PCN:

"Sen troigo, oni povas konsideri lin la brazilano, kiu plej bone scipovis Esperanton en la tuta 20-a jarcento. Eĉ pli bone ol Lorenz( kiu konis plurajn dekojn da lingvoj), ol la aliaj brazilaj lingvokomitatanoj aŭ eĉ ol la nuna prezidanto e la Akademio, Geraldo Mattos, ĉar neniu tiel atente studis la verkaron de Zamenhof kiel li."

En letero de la 15-a de oktobro 1996, sendita al Benedicto Silva, Allan Kardec Affonso Costa skribis la jenanj vortojn:

"Prave vi admiras D-ron Porto Carreiro Neto. Liaj verkoj estas modelaj. Iam Iŝmael Gomes Braga skribis al mi: **La Esperanto de Porto Carreiro estas scienca kaj simpla. Li estas la esperantisto numero unu en Brazilo**."

Ankoraŭ pri la vortaro de PCN, oni devas aldoni, ke ĉiu brazila esperantisto fieros posedi ĝin. Entute vortaro tre konsultinda. Ĝi estas aĉetebla ĉe BEL@Butiko.




| Grande Dicionário - Português-Esperato | |
|---|---|
| Aŭtoro: | L. C. Porto Carreiro Neto |
| Eldoninto: | Brazila Esperanto-Ligo |
| Eldonloko, jaro: | Braziljo, 2015 |
| Idiomo: | Portugala-Esperanto |
| Formato: | 734 paĝoj, 28 cm. |

Aĉetu ĝin en BEL@Butiko:
http://goo.gl/VTHFx4



**Fakto 1:**
Legado faras vin pli bona parolanto

**Fakto 2:**
Najbaroj neniam plendos se vi legas tro laŭte.

**Fakto 3:**
Scion per osmozo ankoraŭ oni ne inventis, do pli bone estas ke vi legu.

**Fakto 4:**
Libroj ja haltigis kuglojn, do legado povas savi vian vivon.

**Fakto 5:**
Dinosaŭroj ne scipovis legi, vidu kio okazis al ili.

**Legu librojn!**
**Vizitu nian retejon kaj aĉetu librojn!**
http://belabutiko.com.br
**Partoprenu en la Esperanto-Sumoo**
(vidu ĉefartikolo paĝ.2)

Dirce Sales

# La akva guto

Iom kaŝita sub folio tre proksima al la seka grundo, soleca guto singultis dolore.

Pli kaj pli ĝi perceptis la gravecon de la situacio kaj kiel ĝi estis senpova antaŭ tio...

Malgraŭ la foresto de la ĉielo, ĝi multe deziris sendi mesaĝon al la aliaj gutetoj, fratinetoj sia por ke ili venu je helpo de la grundo amika, sed kiel?

Tamen oni diras, ke Universo estas malavara kaj ĝi aŭdas niajn sincerajn petojn kaj ĝi ĉiam trovas ian manieron montri al ni pri tia speciala kareso sia.

Kaj neatendite, jen pepanta birdeto en etaj saltoj, alproksimiĝanta al la guto.

- Kial vi ploras, guteto amika?

- Ho ve, baldaŭ mi malaperos sen tamen nenion fari helpe de la naturo. Mi bezonus peti helpon al miaj fratinetoj, kiuj kuŝas sur la nuboj, sed la distanco estas tro granda inter mi kaj ili nun.

- Mi klopodos helpi vin, guteto amika, sed ne mortu, bonvole!

- Mi promesas nenion al vi, birdeto, sed se vi sukcesos alporti mian peton al miaj fratinetoj, sciu ke la espero subtenos min vivantan.

La birdeto forflugis, sed ĝiaj malgrandaj flugiloj ne permesis al ĝi altiĝi tro. Kion fari? Dum ĝi pensis iom, danĝero minacis ĝian vivon, nome rabobirdo, kvazaŭ sago senkompata, rekte venis al ĝi por ĝin kapti.

Ho, mia Dio, kial ni devas esti devigataj kunvivadi kun pluraj danĝeroj ĉiumomente en ĉi tiu mondo?

"Certe por ke ni ellernu pligrandigi nian defendkapablon fronte al defioj kaj danĝeroj de la vivo" - respondis ian internan voĉon al la tremanta besteto.

La birdeto decidis alfronti la rabobirdon dirante al ĝi:

- Sinjoro, mi scias pri via malsato, sed ĉiuj komdamnitoj al la morto rajtas fari specialan peton antaŭ la ekzekuto.

La forta kaj minacanta birdo detenis sin de la atako kaj respondis:

- Jes, vi tute pravas. Kion vi volas?

- Ĉu vi sukcesas vidi suben tiun folion, kiu preskaŭ tuŝas la grundon?

- Perfekte! Bona vidkapablo estas heredo el niaj praavoj. Pri kio temas?

- Sub ĝi agonias eta guto el akvo, kiu urĝas informi al siaj fratetoj, loĝantaj sur tiu nubo, pri siaj rimedomankoj, tiel sola ĝi estas, por akvumi la grundon, kaj helpi ĉiujn bestojn, kiuj intime konas la valoron de la akvo por sia ekzistado, kvankam la homoj, kiuj devus pri tio scii kaj defendi la naturon, bedaŭrinde, ŝajnas tute tion forgesi ...

- Do vi pretendis iri tien?

- Jes! Sed mi malĝoje konstatas pri mia senkapableco atingi tiun distancon.



- Mi povos fari tion.

- Ĉu vere? Vi farus tion?

- Jes, mi tion faros.

- Mi dankas al vi je nomo de la guteto.

- Pro via kuraĝo alfronti min favore al la akvoguteto, mi liberigos vin.

Kaj sen ia ajn tempoperdo, la rabobirdo tuj redirektis sian potencan flugon al la nubo plej proksima. Prisekretis ion al ĝi kaj tuj, tuj la gutetoj venis al la grundo kaj akvumis la grundon, la vegetaĵojn, la ŝtonojn, ktp.

*Hodiaŭ mi lernis, ke la bono kaj la helpo ĉiam valoras la penon.*

## Kian strategion ni bezonas?[1]




Ekzistas diversaj modeloj de strategia plano. En firmaoj kaj organizoj kun forta hierarkia strukturo, tiu plano koncernas unuavice la estrojn – tiuj kiuj povas ordoni al la subuloj, kion fari, kaj kiuj povas decidi pri la utiligo de rimedoj homaj, financaj, ktp. Tia strategio similas al la plano de milita kampanjo. Ĉar ekzistas la strukturaj rimedoj por efektivigi ĝin, la plano povas (kaj eĉ devas) esti tre konkreta, kaj verkita esence por interna uzo. Ĝi ankaŭ ne bezonas motivi aŭ inspiri la ordinarajn dungitojn, ĉar ili kutimas obei la decidojn de la estroj.

BEL ne estas tia organizo. Ĝi ne havas fortan hierarkion, kaj multaj el ĝiaj agadoj estas prizorgataj de volontuloj, tial malutilus ordoni al ili kvazaŭ al dungitoj. Krome, la kulturo de Esperantujo ĝenerale estas tre individueca, bazita sur personaj elektoj kaj konvinkoj, kaj rezista al strikta organizado. El tio fontas ankaŭ la granda diverseco de la movado.

En tia organizo, strategia plano devas ludi ankaŭ edukan kaj inspiran rolon. Oni ne povas atingi unuecon per desupra decidado kaj ordonado; maksimume, oni povas krei vizion, strukturon kaj programon kiuj allogas kunlaborantojn. Kompreneble, tiuj kunlaborantoj bezonas ankaŭ gvidon, do oni ne povas malhavi konkretajn, praktikajn detalojn por la realiga laboro. Sed oni bezonas investi pli da tempo kaj atento en komunikadon kaj kundiskutadon, ol necesas en hierarkia kunteksto.

BEL bezonas simplan kaj efikan strategion por gvidi niajn energiojn. Kiu estas la unua paŝo? Defini nian vizion kaj mision, do ni invitas al ĉiuj sugesti kaj opinii pri la bazo kie ni konstruos la laborplanon de nia organizo. Por tio ni faris enketon ekde nun por scii kion pensas la esperanto-movado.

## Partoprenu: http://esperanto.org.br/enketo



1-Teksto bazita je "Strategia vizio, marto 2012 " - UEA.



# La Nacia Palaco de Queluz (Portugalujo)

Herbert A. Welker

Antaŭ dek jaroj, kiam oni volis flugi el la brazila ĉefurbo al Eŭropo, necesis unue flugi suden, ĝis San-Paŭlo aŭ Rio-de-Ĵanejro, por poste flugi norden ĝis la malnova kontinento. Sed ekde 2006 la portugala flugkompanio TAP havas flugojn el Braziljo rekte al Lisbono. Dum kelkaj jaroj, kiam oni volis flugi tra Lisbono al aliaj eŭropaj urboj, oni ne povis interrompi la vojaĝon sen pagi pli da mono, sed nun tio eblas. La flugkompanio nomas tiun eblecon "Stopover, Portugal". Evidente estas avantaĝe por Portugalujo, ke homoj kiuj volas iri al Parizo, Londono, Frankfurto ktp. pasigas unu, du aŭ tri tagojn en Lisbono.

Pasinte kelkajn fojojn tra la portugala ĉefurbo, mi kaj mia edzino konas ĝin sufiĉe bone kaj ankaŭ vizitis la konatan urbon Sintra, kiu situas proksime. Ĉar ni ankoraŭ ne estis vizitintaj du belajn palacojn en la ĉirkaŭaĵo, ni faris tion ĉi-jare reveninte el Nitro, kie ni partoprenis en la 101-a Universala Kongreso.

Pri la palaco en Mafra aperis artikolo mia en la Esperanta Retradio la 22-an de novembro 2016. Pri la palaco en Queluz mi volas paroli nun ĉi tie.

Ĝi situas en la urbeto Queluz, kiu apartenas al la municipo Sintra kaj estas je distanco de ĉirkaŭ 15 km de Lisbono. Oni povas veturi tien per trajno, kiun oni prenas en la centro de la ĉefurbo (en la stacio Rossio). De la stacidomo de Queluz oni piediras ĝis la palaco dum 20 minutoj aŭ prenas aŭtobuson (aŭ evidente taksion).

Kiam oni alproksimiĝas, oni vidas trans granda placo belan konstruaĵon tute rozan. Meze de la malplena placo staras alta statuo de la Reĝa Maria la 1-a de Portugalujo. Verdire la roza koloro estas nur je la placa flanko. Je la alia flanko la muroj estas parte bluaj, parte blankaj, kaj flavaj en kelkaj lokoj. Originale ĉiuj muroj estis bluaj, sed poste ili estis farbitaj per roza koloro, kaj en 2013 oni komencis redoni la originalan koloron.

La konstruado de la palaco (fakte transformado de antaŭa konstruaĵo en palacon) komencis en 1747, pro ordono de la tiama portugala princo Petro de Bragança. Siaflanke lia frato, Reĝo Jozefo la 1-a (kiu regis ekde 1750), ordonis ke li restu en Queluz, malproksime de la lisbona korto. Princo Petro iĝis Reĝo Petro la 3-a en 1777 kaj regis kune kun sia edzino, Reĝino Maria la 1-a. Kiam ties mensa malsano malpliboniĝis post la morto de sia edzo en 1786, ŝi estis devigita loĝi en Queluz. Kaj kiam okazis incendio en la reĝa Palaco da Ajuda en Lisbono en 1794, la palaco de Queluz iĝis oficiala loĝejo de la regento Johano (posta Reĝo Johano la 6-a) kaj de sia familio. Ili vivis tie ĝis sia fuĝo al Brazilo en 1807 (kiam la francoj invadis Portugalujon). Alia rilato kun Brazilo estas la fakto, ke Impiestro Petro la 1-a naskiĝis (en 1798) kaj mortis (en 1834) en la palaco de Queluz.

Ekde 1826 ĝi ne estis plu uzita de la reĝa familio. En 1908 ĝi iĝis ŝtata proprietaĵo, kaj ekde 1910 ĝi estas "Nacia Monumento". Post granda incendio ĝi estis tute renovigita ekde 1934. Ĝi povas esti vizitata, sed unu alo, la

"Pavilono D. Maria", estas rezervita ekde 1957 al eksterlandaj ŝtatestroj, kiam ili faras oficialan viziton al Portugalujo.

Kiel okazis kun grandaj konstruaĵoj pasintece, la palaco ne estis konstruita kiel tutaĵo en unu jaro, sed iom post iom. Pro tio ĝi havas diversajn arkitekturajn stilojn: barokan, rokokan kaj novklasikisman. Kelkfoje ĝi estas nomata "la portugala Versajlo" (kvankam multe malpli granda).

La plej belaj partoj estas sendube la impona Salono de la Trono, la Salono de la Ambasadoroj, la Salono de Muziko, la Kapelo kaj la Koridoro de Azulejoj. Ne eblas priskribi la belecon, ĉion tion oni devas vidi persone, aŭ almenaŭ en fotoj.

Alia grava allogaĵo estas la ampleksaj kaj belegaj ĝardenoj – kelkaj el ili francastilaj – kun artefaritaj lagetoj, skulpturoj, fontano, eta akvofalo, mallonga kanalo kaj botanika ĝardeno.

Mi rekomendas rigardi la fotojn disponeblajn en la interreto. Kaj dum via proksima estado en Lisbono ne forgesu viziti la Nacian Palacon de Queluz.



# Sep Poemoj de Salgado Maranhão

## Tradukis Fernando Pita kaj Suso Moinhos











Poeto kaj ĵurnalisto, naskiĝis en 1953, en Kaŝio (Caxias), ene de la provinco Maranjano, Brazilo, kie li vivis laborante en plantejo. Li alfabetiĝis nur estante 15-jara, post sia translokiĝo, kun siaj patrino kaj gefratoj, al Terezino. Skribante por la loka ĵurnalo, li ekkonis Torquato Neto, kiu helpis lin iri al Rio-de-Ĵanejro, kaj tion li faris en la jaro 1973-a. Tie li ekstudis komunikadon en la Pontifika Universitato Katolika. Korpa terapeŭto, li instruis Tajĝibatalarton[1] kaj Ŝiacuon[2]. Ekde 1976, li kunlaboradis, kun artikoloj aŭ poemoj, en diversaj publikaĵoj, ekzemple en la revuo *Música do Planeta Terra* –laŭ invito de Júlio Barroso, tiama eldonanto–, revuo en kiu kunlaboradis ankaŭ Sergio Natureza, Caetano Veloso, Ronaldo Bastos, Jorge Mautner kaj Jorge Salomão, inter aliaj.

En 1978 li kunorganizis la libron *Ebulição da escrivatura – Treze poetas impossíveis*, kolekto kiu kunigis plurajn poetojn, kiel Sergio Natureza (tie subskribanta per sia vera nomo Sérgio Varela), Antônio Carlos Miguel (pseŭdonime Antônio Caos), Éle Semog, Mário Atayde, Tetê Catalão. Li publikigis poemojn kaj artikolojn ankaŭ en la revuo *Encontro com a Civilização Brasileira* (1978). Dum la sekvantaj jaroj, li publikigis *Aboio*, en 1984; *Punhos da serpente*, 1989; *Palávora*, 1995; *O beijo da fera*, en 1996, kaj *Mural de ventos*, en 1998.

En 1998, la Brazila Verkista Unuiĝo lin honoris, pro la libro *O beijo da fera*, kun la Premio Ribeiro Couto. Unu jaron poste, li konkeris la premion *Jabuti*, el la Brazila Ĉambro de la Libro, pro *Mural de ventos*.

En 2002 li publikigis *Sol sanguíneo*, sian plej vendfuroran libron, verkon el kiu devenas la sep poemoj tie ĉi tradukitaj. Ekde 2007 lia verkaro studatas en la Universitato de Brown, en Providence, Usono.

En 2016 li konkeris la premion *Jabuti*, el la Brazila Ĉambro de la Libro, pro *Ópera de Nãos*.

Liaj verkoj estas tradukataj anglen, nederlanden, francen, germanen, hispanen kaj nun, esperanten. Pri li deklaris lia samprovincano Ferreira Gullar – la plej elstara vivanta brazila poeto: "Salgado estas unu el la plej brilaj poetoj el sia generacio, kaj posedas tre specialan lingvan ellaboradon".

Simpatianto al Esperanto, Salgado Maranhão ĉiam serĉas vojojn por ke liaj poemoj estu tradukitaj en nian lingvon.

1 - Tajĝibatalarto: kiam eblas ni uzos simplajn vortojn kompreneblajn kaj konstruatajn surbaze de la krea kapablo de Esperanto anstataŭ la novaj radikoj (neologismoj). (Fonto: http://bonalingvo.net)

2 - Ŝiatsuo: Japandevena malstreĉa kaj saniga masaĝarto, farata per premoj de dikfingroj kaj manplatoj sur specifaj lokoj de korpo.(Fonto: http://www.reta-vortaro.de)

## Nervuro

*Al Reynaldo Valinhos Alvarez kaj Moacyr Félix*

Kvankam la seka sang' en vojpelmelo
la nervojn poste montras en rivelo

kaj kvankam tiuj akvoduktoj brilaj
(en la branĉoj de noktoj netrankvilaj),

surgrunde strekas palajn akvarelojn,
rigardo pura levas maron, velojn:

io tre riskas en vorem' dezira
kiel ama impulso ventro-ŝira.

La tagoj estas tempo-digitaloj
faritaj el mirakloj kaj bataloj;

transiraj ritoj cele al nenio,
aŭ lafo kiu, en muta defio,

pli granda delir' ol ajna stigmato,
la vivon magma-flore incendios.

## Via crucis[1]

Ondoj el bruoj
teksas
la skripton[2]
de l' stratoj.

(la fera faŭno
imperias en siaj amperoj)

Ondoj el bruoj
disfalas
inter aziloj
ŝtonaj
kaj sonoj de
soluloj
sennomaj.

Rondiras
- aŭtoj
kaj dupieduloj –
En la drive-in[3]
de l' via crucis.

## Se, se

*Al Ivan Junqueira*

Se ĉio, kio kisas nin en ĉend'[4]
forportas ien econ vagabondan
sur komo dissplitanta nur per fend'
nomon kriatan, tamen nerespondan,

ĉu ie sidas la signala splend'
de tiu kaŝa voĉo-reto ronda
ĉar la morgaŭo estos nur the end[5]
kaj nuno estas fore horizonta?

Akceptu do kion la viv' instruas:
per adicio ni nin mem detruas
samkiel birdo vanuas en foron;

aŭ promenanto kiu strate fluas
kvazaŭ vaghundo raba kun torporo
sur la koto flaranta lunofloron.

## Krakado

La kartoĉo de AR-15 surpolve ruliĝas
sub la celilo de senspira tempo. Ĝi resendas
la sekundon kiam pulvo frajis la ekbruon:
la dozo da furio forbrulis la krion kaj la falon.

La kartoĉo sin elmetis al okuloj kaj timiĝo.
Kaj la tuta eterno stampiĝis sur fulmo.

## Ekzekuto

La pafoj pulsadas kiel gutoj
el senkulpaj lumoj,

en dezerta korpo,
neloĝata,
maltaŭga por uzado.

Sangofloraj ideogramoj
sin kudras sur la ŝtofo
disŝirita.
En la kilo elmetata
al frakturoj

nokta nebulo vakuon vualas.

1-Via crucis: krucovojo / 2-Skripton: scenejaro / 3-Drive-in: aŭtokinejo / 4-ĉendo: ekbruligo. / 5-The end (elparolu: di end): angle 'la fino'.

## Surmure

*Al Armando Freitas Filho*

Tie –
kie svastiko mordas
la muron –

anstataŭ belo,
galo.
Aliĝas al aflikta
grafitio
insultoj de malsanaj hundoj.

Tie –
kie la spuroj albordiĝis
rande de blindaj vojoj –

kunfluas tempo
kaj sterko.

Tie
en la danĝerejo
en laombro-bordero
sur la kruda betono.

Tagoj kvazaŭ birdoj
jarcentoj kvazaŭ fosilioj

al la lango-vipaj
al la judasaj klonoj
al la pugo-ĉipaj.

Tie
en la restaĵaro
en malekvilibro
en atako

kie afekto difektiĝas
joras
stop'.

## Griza Legendo

Alia luno armiĝas
En l'anguloj –
griza
- sange kaj fulge
ŝirita.

Alia lumofendo
en miaj alfluoj
cedilas
enprohibita nokto.

Kaj ĝi jelpas al riveroj
de senhelpo
acidiga por la urbo.

Vaksaj figuroj
Venigas
metropolon al la bildoj,

en la stalon minimuman/
maksimuman,

paralelaj intrigoj
reskribas ĥaoson.

Pasas flugantaj ladaĵoj
pasas notindaj pupetoj
pasas mateno skrapanta

sur la grundo kie nokto parafas
per siaj ombrosteloj.






Se Aŭskultas la Animo estas elekto el la poemaro de la flandra poeto Guido Gezelle. La rilataj poemoj estis Esperantigitaj de Hector Vermuyten kaj eldonitaj en 1939 fare de Flandra Uniĝo de Katolikaj Esperantistoj el Antverpeno. La titolo de la libreto referencas al titolo de unu el la poemoj.

Aĉetu en BEL@Butiko: http://goo.gl/SI22F4




# LINGVO, PENSO, RACIO KAJ EMOCIO

Paulo Sergio Viana

Esploristoj el la Universitato de Chicago elmontris antaŭ nelonge, ke pensado en fremda lingvo (pli klare: en lingvo, kiu ne estas la gepatra lingvo) faras la penson malpli emocia kaj pli racia. Por tia elmontro, ili uzis lertan strategion: ili proponis al homoj situaciojn de moralaj dilemoj, jen en ilia gepatra lingvo, jen en fremda lingvo, kiun ili bone posedas.

Ekzemple: "Ĉu vi puŝus al morto senkulpan homon, en abismon, se tio signifus savon de 50 aliaj senkulpaj homoj?" 20 procentoj el la personoj respondis "Jes", kiam ili pensis en gepatra lingvo. Tiu kvanto kreskis al 50 procentoj, kiam ili pensis en dua lingvo.

Ekzistas spekulativoj pri tiu diferenco. Unu el ili estas la ebleco, ke la penso en dua lingvo, eĉ se la persono estas tute flua en ĝi, prokrastiĝas dum ero de sekundo, kio kaŭzas iomete pli da pripenso – kaj la respondo turniĝas al pli racia respondo.

Tiu esploro estas pensinstiga koncerne la konsekvencojn.

Necesas klarigi: ĉu ekzistas penso sen lingvo? ĉu la lingvo mem estas ia "modulilo" de nia kapablo agi racie aŭ emocie? ĉu la kapablo kunsenti (empatio) dependas de la lingvo en kiu oni interparolas (ekzemple en okazo, kiam psikoterapiisto interparolas kun kliento en fremda lingvo)? ĉu ĝuado de poezio kaj teatro en fremda lingvo estigas la saman emocian rezulton? en internacia juĝsesio, kie sidas juĝantoj de diversaj devenoj, kun malsamaj gepatraj lingvoj, ĉu la argumentado de defendantaj kaj akuzantaj advokatoj kaŭzas la saman impreson, depende de la lingvo, en kiu ili parolas?

Eble indus fari ankoraŭ aliajn demandojn. Sed unu estas nepre necesa:

Se la lingvo influas en la emocian enhavon de mesaĝo, ĉu ne estus oportune, ke la tuta homaro uzu unu saman, duan, neŭtralan lingvon, la saman por ĉiuj popoloj, kiu egaligu ilin ĉiujn okaze de internaciaj kontaktoj, inkluzive koncerne iliajn emociojn?

## 29-a EKOR 2016

Okazis je 27-a de Novembro 2016 la 29-a Esperanta Renkontiĝo de Okcidenta Regiono de Rio-de-Ĵaneiro en Lernejo Francisco de Assis - Realengo.




## Renkonto de Esperantistoj en la Paraiba Valo

La 20-an de novembro 2016 okazis unu plia entuziasma renkonto de Esperantistoj en la regiono de la Paraiba Valo, en la urbo Suda Paraibo, ŝtato Rio-de-Ĵaneiro. Partoprenis pli ol 40 homoj el la ŝtatoj Minas-Ĵerajso, San-Paŭlo kaj Rio-de-Ĵaneiro. Aŭspiciis la eventon Asocio Esperantista de Rio-de-Ĵaneiro kaj la loka klubo. La kunsido okazis en ĉambro de la lernejo Prof.Manoel Gonçalves d´ Ascenção, en la urbocentro.

Matene, post amika akceptado kun lunĉo, la programo komenciĝis per "Guto da Gramatiko (P.S.Viana). Poste, oni diskutis kaj proponis diversajn interesajn strategiojn por diskonigo de Esperanto en la regiono: aktivuloj el pluraj urboj raportis pri siaj spertoj tiukampe, sub la reĝisorado de Márcio Santos, prezidanto de AERĴ.

Posttagmeze, Benedito Pereira prelegis pri la planoj de AERĴ pri starigo de budo de Esperanto en la Internacia Librofoiro en Rio-de-Ĵaneiro, en 2017. La publiko vigle interesiĝis, apoge al la iniciato.

Sekve S-ro Dino Boladão, el la urbo Tres-Rio, prezentis siajn tradiciajn sambojn en Esperanta vesto.

Finiĝis la renkonto kun multaj gajaj kantoj , en amika etoso.

Dum la tuta tago funkciis eta libroservo.



## NOVA okazos en Torres - RS

La 8-a Novjara Aranĝo de BEJO (NOVA) okazos en la urbo Toro (Torres) - RS de la 28-a de Decembro 2016 ĝis la 1-a de januaro 2017.



## Senpaga Eo-Kosmos

Senpage, du fojojn jare (en marto kaj oktobro) Eo-Kosmos publikiĝos en elŝutebla formato ĉe la adreso: http://www.martinus.dk/eo/




Rete kaj retpoŝte vi ankaŭ senpage povos aboni Eo-Kosmos kiel alkroĉitan pdf-dosieron. Sendu vian peton al la Eo-adreso de Martinus-Instituto: esperanto@martinus.dk.

Ne plu eblos aboni paperan version de Kosmos en Esperanto.

Ole Therkelsen

## Senpaga revuo La Riverego

Legu la raporton pri la Monda Socia Forumo en Montrealo (kie ni fiere prezentis nian lingvon!), la artikolon pri la poliglota simpozio,




ankaŭ en Montrealo (kie Esperanto estis prezentita dank' al niaj talentaj membroj), pri la sukcesega evento: Paralela Universo, kiu okazis samtempe en 25 lokoj en Nord-Ameriko kaj kie Kebekio estis reprezentita per du urboj (legu plian artikolon pri ĝia "montreala dimensio"!). Atendas vin nova artikolo de Lacerto: ĉi-foje temas ne pri internacia lingvo, sed pri... internacia skribo! Por fini, atendas vin vojaĝa rakonto pri Kostariko.

Se vi serĉas ideojn por kristnaskaj donacoj por viaj esperantistaj amikoj (aŭ eĉ vi mem, kial ne?!), jen sugesto: konsideru aĉeti la libron Kristnaskaj rakontoj el franca Kanado! Ĝi estas jam la dua eldono, kun originalaj ilustraĵoj, kaj... ĝi estas same belega papere kiel elektronike! (legu pli en La Riverego).

La materialoj el La Riverego estas republikigeblaj (kun la mencio de la fonto) kaj, kompreneble, vi rajtas dividi nian revuon kun viaj amikoj. La Riverego estas ankaŭ disponebla en la reto: www.esperanto.qc.ca/eo/riverego, kaj la limdato por kontribui al la sekva numero estas la 20-a de decembro, 2016. Agrablan legadon!

Amike,

Ĵenja Amis, la redaktoro

### SOLENE OKAZIS 8ª AZIA KONGRESO DE ESPERANTO KAJ 5ª ILEI-SEMINARIO EN ORIENTA AZIO EN QUANZHOU

Matene de la 4a de novembro en Quanzhou, urbo de Fujian-provinco, suda Ĉinujo, solene inaŭguriĝis la 8a Azia Kongreso de Esperanto kaj la 5a ILEI-Seminario en Orienta Azio, kun la ĉeftemo Esperanto por la Azia Kunlaboro en Interreta Epoko. 278 samideanoj el 22 landoj, inkluzive de Ĉinujo, Japanujo, Korea Respubliko, Mongolujo, Vjetnamujo, Nederlando, Islando, Hungarujo, ĉeestis la kongreson.



S-ro Wang Ruixiang, prezidanto de KAEM, Komisiono pri Azia Esperanto-Movado prezidis la inaŭguron. (Fonto:Ĉina Radio Internacia)

# Forpasoj



## Joel Vasques Manso (1933-2016)



La 8-an de Aŭgusto forpasis en Rio-de-Ĵanejro la radioparolisto Joel Vasques Manso. Li mortis de rena fiasko kaj pulminfekto, en la hospitalo Rios D'Or, en la kvartalo Jacarepaguá, okcidenta regiono de tiu urbo.

Joel Vasques Manso estis ministro de la Monda Mesianisma Eklezio. Li estis 82-jara. Profesie li laboris kiel fiska inspektoro. Li postlasis vidvinon, du gefilojn kaj du genepojn.

La entombiga ceremonio okazis je la 9-a de Aŭgusto, en la tombejo Jardim da Saudade (Ĝardeno de Nostalgio), situanta en la kvartalo Sulacap.

Joel Manso lernis la Internacian Lingvon komence de la 1950-a jardeko. Li tuj aliĝis al Brazila Esperanto-Ligo, de kiu li estis direktoro dum sinsekvaj mandatoj kaj redaktoro de la revuo Brazila Esperantisto. Li ankaŭ estis membro de Universala Esperanto-Asocio, Asocio Esperantista de Rio-de-Ĵanejro kaj Kultura Kooperativo de Esperantistoj.

Posedanto de belsona voĉo, Joel Manso enskribis sian nomon en la historion, kiel unu el la plej elstaraj figuroj de la esperantista radiofonio. En la jaro 1955-a, invitite de Luiz Carlos Nunes D'Angelo, li komencis labori ĉe Radio Ministério da Educação. Tiutempe, krom prezenti lecionojn de Esperanto, li redaktis la programon "Muzikoj kaj Novaĵoj", ĝis 1964. Ankoraŭ kiel profesia radioparolisto, li laboris ĉe Radio Carioca, en kiu li prezentis novaĵbultenojn.

Joel Manso estis la radioparolisto preferita de profesoro Sylla Chaves. Tiu ĉi plurfoje invitis lin partopreni la registradon de didaktikaj diskoj. Lia voĉo ankaŭ aŭskulteblas en la kolekto de lumbildoj titolita "Turisma Brazilo", eldonita de la firmao V-Som.

En la komenco de la 1990-a jardeko, li aliĝis al la teamo de Radio Rio-de-Ĵaneiro. Tie li kunlaboris kun la radioparolisto Givanildo Costa cele al la disvolviĝo de projektoj rilate al la Internacia Ligvo. Li ne nur redaktis kaj kunprezentis la programon "Esperanto, a Língua da Fraternidade", sed ankaŭ partoprenis la registradon de la radio-metodo "Minicurso de Esperanto", elpensita de la instruisto Jair Salles.

Fine de 2014, Manso malproksimiĝis de la mikrofonoj, pro la malfacila kaj malrapida veturado de Teresópolis (urbo en kiu li tiam loĝis) al Rio-de-Ĵaneiro. De la dua sesmonato de 2015 oni petis kaj atendis lian revenon por partopreni la novajn Esperantlingvajn programojn de Radio Rio-de-Ĵaneiro.

La forpaso de Joel Manso estas granda bato por la Esperanta radiofonio. Li estis tre estimata de aŭskultantoj kaj tiufakaj profesiuloj. Oni konsideris lian voĉon unu el la plej belaj en la esperantista movado, apud tiu de la pola kolego Andrzej Pettyn.

Fonto: esperantoilustrita.blogspot.com

---




La 52-a Brazila Kongreso de Esperanto kaj la 37-a Brazila Esperantista Junulara Kongreso okazos en la urbo Sorriso, Mato Grosso, de la 15-a al la 18-a de junio 2017. Jam eblas al vi aliĝi! Aliru: http://belabutiko.esperanto.org.br/abonservo/index.php/adesao.html

Remetente:
Liga Brasileira de Esperanto
SDS, Ed. Venâncio III - sala 303
70393-902 Brasília-DF

*Fechamento autorizado. Pode ser aberto pela ECT*

## Novaj Libroj en http://belabutiko.esperanto.org.br/novos-produtos




**Esperanto kaj lingva diverseco:** Intervjuo kun Claude Hagège - Intervjuis François Lo Jacomo, UEA, 2006. 16p. 21cm




**Internaciaj lingvoj kaj internaciaj homaj rajtoj:** Robert Phillipson, UEA, 2002. 19 paĝoj. 21cm




**La Danĝera lingvo - (Nova eldono-2016):** Ulrich Lins, UEA, 2016. 375+24 paĝoj. 19cm




**Interlingvo inter lingvoj:** Div.. Red. Michela Lipari kaj Humphrey Tonkin. UEA, 2015. 271 paĝoj. 24cm




**Tamen ĝi moviĝas!:** Div.. Red. Michela Lipari kaj Humphrey Tonkin. UEA, 2015. 152 paĝoj. 24cm




**Pri vagabondoj kaj friponoj, pri damoj kaj kavaliroj:** Louis Couperus. UEA, 2008. 180 paĝoj. 21cm

Telefono:+55 (61) 3226-1298
Retadreso: bel@esperanto.org.br
Hejmpaĝo: http://www.esperanto.org.br

Farita per:  